17 Juillet 1908. 17a Julio 1908. 90a NUMERO. 17a Juli 1908.

6a JARO, 23a numero.




OFICIALA ORGANO DE LA « BELGA LIGO ESPERANTISTA » KAJ DE LA BELGAJ LIGAJ GRUPOJ.

Aliĝinta al la profesia Unuiĝo de la Perioda Belga Gazetaro.

**Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges Affiliés.**

Affilié à l'Union professionnelle de la Presse Périodique Belge.

**Officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond » en der Belgische aangesloten groepen.**

Aangesloten bij het Beroepsverbond der periodische Belgische drukpers.

DIREKCIO : Redakcio kaj Administracio,

53, rue de Ten Bosch, BRUXELLES.

**JARKOLEKTO : 6 FR.**

ENHAVO.



Presisto-eldonisto A.-J. WITTERYCK, Nouvelle Promenade, 4, Bruges.

## ABONNEMENTS

| | |
|---|---|
| Un an, au moins (tous pays) . | fr. 6,00 |
| Membres de la Ligue . . . . | » 7,00 |
| Membres protecteurs de la Ligue | » 10,00 |
| Un numéro . . . . . . . . . | » 0,25 |
| L'année parue . . . . . . . | » 6,00 |
| Envoi à l'étranger (par envoi). | » 1,00 |

## ABONOJ

| | |
|---|---|
| Unu jarkolekto, almenaŭ . . | Sm. 2,40 |
| Membroj de la Ligo . . . . | » 2.80 |
| Protektantaj membroj de la Ligo | » 4,00 |
| Unu numero . . . . . . . . | » 0,10 |
| Unu antaŭa jarkolekto . . . | » 2,40 |
| Sendo alilande (po sendo) . . | » 0,40 |

## INSCHRIJVINGEN

| | |
|---|---|
| 1 jaar ten minste (alle landen) . | fr. 6,00 |
| Bondsleden . . . . . . . . . | » 7,00 |
| Bonds-beschermleden. . . . | » 10,00 |
| Het nummer . . . . . . . . | » 0,25 |
| Het verschenen jaar . . . | » 6,00 |
| Buitenland (per zending). . . | » 1,00 |

**Sin turni al la Direkcio, 53, rue de Ten Bosch, BRUXELLES.**

La abonoj komencas nepre la 1a de Septembro. Se oni abonas poste, oni ricevas la jam aperintajn n-ojn. Ĉiam aldonu la abonkoston. Ni ne akceptas poŝtmarkojn, ni ŝatas nur poŝtmandatojn.

# ESPERANTISTAJ GAZETOJ.

### JOURNAUX ESPÉRANTISTES. ESPERANTISCHE BLADEN.

| | | Nacie | | Internacie |
|---|---|---|---|---|
| **Amerika Esperantisto**, 186, Fortieth Street, Chicago, U. S. A. . . . . . . | d. | 1.00 | Sm. | 2.05 |
| **Amsterdama Pioniro**, Holanda-esperanto, Admin. Singel 386, Amsterdam (Holland). | Fl. | 1.50 | » | 1.25 |
| **Antaŭen Esperantistoj** !!! espagnol-esperanto Apartado 927, Lima, (Pérou) . . | S. | 0.60 | » | 1.20 |
| **Brazila Revuo Esperantista**. Redakcio, Rua de Assembléa, 46, Rio de Janeiro . . | Mr. | 2.15 | » | 2.40 |
| **British Esperantist**, anglais-esperanto, 133-136, High Holborn, London W. C. . | Ŝ. | 3.20 | » | 1.60 |
| **Ĉasopis Ĉeskych Esperantistŭ**, Organo de Bohemaj Esp., Praha (Autriche) . . | Kr. | 3.60 | » | 1.50 |
| **Dana Esperantisto**, Gyldenlovesgade, 16, Kopenhago . . . . . . . | kr. | 2.60 | » | 1.45 |
| **Eho Esperantista**, aldona de « Das Echo ». J. H. Schorer, 1, Dessauerstr. Berlin . | mk | 5.00 | » | 2.50 |
| **Esperanta Ligilo**, esp., pour aveugles. M. Cart, 12, Rue Soufflot, Paris . . . | fr. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Esperantisten** Sveda-esperanto. P. Ahlberg, Surbrunnsgatan 37, Stockholm . . | Kr. | 2.50 | » | 1.40 |
| **Esperanto**, duonmonata internacia, 8, rue Bovy-Lysberg, Genève . . . | fr. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Espero Katolika**, Mr Em. Peltier, Ste Radegonde (Indre et Loire) France 4 fr., hors France | » | 5.00 | » | 2.00 |
| **Espero Pacifista**, Mr Gaston Moch, 26, rue de Chartres, Neuilly-sur-Seine (France) . | » | 5.00 | » | 2.00 |
| **Espero**, monata, Nevski prosp. d. No 147, St-Petersburg . . . . . . . | fr. | 10.00 | » | 4.00 |
| **Estlanda Esperantisto**. Sro J. A. Rahamagi, Weike Kalamajo uul. 7, k. 2, Revel (Russie). | r. | 1.00 | » | 1.10 |
| **Eŭropa Kristana Celado**, Sro Ch. Briquet, 4, Cité, Genève (Suisse) . . . . . | Ŝ. | 1/6 | » | 0.75 |
| **Filipina Esperantisto**, Angla-hispana-esperanto P. O. Box 326, Manila (Philippines). | P. | 2.00 | » | 1.70 |
| **Finna Esperantista**, Ilarejo Esperantista, Helsinki, Finnlando . . . . . | Fmk. | 1.50 | » | 1.20 |
| **Flugila Stelo** stenografie. Sro Fr. Schneeberger, Lüsslingen (Suisse) . . . . | fr. | 2.00 | » | 0.80 |
| **Frateco** Sro J. Lüneman, vander Neerstraat, 40 's-Gravenhage (Holland). . . | fl. | 0.40 | » | 0.33 |
| **Germana Esperantisto**, allemand-esp., MM. Möller & Borel, 95, Prinzenstrasse, Berlin | mk | 3.00 | » | 1.50 |
| **Germana Esperanto-Gazeto**, duonmonata Verlag: H. Wuttke, Pionierstr. Magdeburg | » | 4.00 | » | 2.00 |
| **Internacia Scienca Revuo**, esperanto, 8, rue Bovy-Lysberg, Genève . . . | fr. | 7.00 | » | 2.75 |
| **Internacia Socia Revuo**, duonmonata, 45, rue de Saintonge, Paris IIIa . . . | » | 3.50 | » | 1.40 |
| **Japana Esperantisto**, japonais et esperanto, 3ĉome, Jurakĉo, Kozimacik, Tokio . | y. | 1.60 | » | 1.65 |
| **Juna Esperantisto**, monata gazeto, Presa Esp. Societo, 33, rue Lacépède, Paris. | fr. | 2.50 | » | 1.00 |
| **La Belga Sonorilo**, duonmonata, 53, rue de Ten Bosch, Bruxelles. . . . | fr. | 6.00 | » | 2.40 |
| **La Esperanta Instruisto**, Guilbert Pitman, 85, Fleet str. London, E. C. . . . | fr. | 2.50 | » | 1.00 |
| **La Revuo**, esperanto, 79, Bd St Germain, Paris . . . . . . . . | » | 7.00 | » | 2.80 |
| **L'Espérantiste**, français-esp., Mr de Beaufront, 4, rue du Gril, Louviers, Eure, (France) | » | 4.00 | » | 1.60 |
| **L'Etoile Espérantiste**, mensuelle. Administration 3, rue Sophie-Germain, Paris | fr. | 2.00 | » | 0 80 |
| **Lingvo Internacia**, mensuel, esperanto, 33, rue Lacépède, Paris, Ve, . . . | » | 7.50 | » | 3.00 |
| **La du Steloj**, calle de la Catedral 1437, Santiago de Chili . . . . . . | Fr. | 5.00 | » | 2.00 |
| **La spritulo**. Berreiter & Meissner, Johannisstrasse. Leipzig . . . . . . | Mk. | 2.40 | » | 1.20 |
| **La Verda Standardo**, esperanto, Sro A. Marich, Üllöi ut 59, Budapest IX . . | Kr. | 4.00 | » | 1.68 |
| **Oficiala gazeto Esperantista**, 51, rue de Clichy, Paris . . . . . . . | Fr. | 5.00 | » | 2.00 |
| **Paris-Esperanto**, Sro V. Chausseoros, 3, place Jussieu, Paris Ve . . . . . | fr. | 1.50 | » | 0.60 |
| **Pola Esperantisto**, esperanto-polonais, Marszalkowska, 143, Warszawa (Varsovie) | r. | 2.00 | » | 2.20 |
| **Roma Esperantisto**, Sro Luigi Giambene, 198, via Babuino, Roma. . . . . . | L. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Rumana Esperantisto**, 5, Str. I. C. Brâtianu, Bukarest, Roumanie . . . . | L. | 5.00 | » | 2.00 |
| **Rumena Gazeto Esperantista**, Strada Speranta 1, Galatz, Roumanie . . . . | L. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Saksa Esperantisto** Sro Fritz Stephan, Korolinenstr. 12. Leipzig . . . . | Mk. | 1.00 | » | 0.50 |
| **Stelo Kataluna**, Rambla S. Isidro, 30, Igualada-Barcelona . . . . . . | fr. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Suno Hispana**, espagnol-esp., Sro Rafael Duyos, Cirilo Amoros, 28, Valencia . | p. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Svisa Espero**, esperanto, Mr Renard, 6, rue du Vieux Collège, Genève (Suisse) . | fr. | 2.50 | » | 1.00 |
| **The Esperanto News**, 10, Wall Street, Room, 510, New-York City U. S. A. . . . | d. | 1.00 | » | 2.00 |
| **Tra la Mondo**, illustré, esp., 15, Boulevard des Deux Gares, Meudon S. O. (France) | fr. | 8.00 | » | 3.20 |
| **Tutmonda Espero**. Paradis, 12, principal. Barcelona . . . . . . . . | fr. | 3.00 | » | 1,20 |
| **Verda Stelo**, hispana-esp. A. Vargas 3a del Reloj, no 12, Mexico, D. F. . . . | p. | 1.00 | » | 2.00 |

19 Juillet 1908. 19a Julio 1908. 90a NUMERO. 19n Juli 1908.
6a JARO, 23a numero.




**Oficiala Organo de la « Belga Ligo Esperantista » kaj de la Belgaj Ligaj Grupoj.**

Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges affiliés.

Officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond » en der Belgische aangesloten Groepen.

## BELGA LIGO ESPERANTISTA.

La Komitato de la Belga Ligo Esperantista kunvenis en Bruselo la dimanĉon 5an de Julio, je la 10a horo matene en la « Maison des Médecins » 17, Grand' place (Legoĉambro).

Sro Komandanto Ch. Lemaire prezidis; ĉeestis al tiu kunveno: F-inoj E. Lecointe, A. Guilliaume *(Pioniro)* Tombeur *(Spa)* kaj C. Simon *(Bonveno)*; S-inoj Payot (*Antverpeno*) anstataŭigante Sron R. Van Melckebeecke kaj F. Staes (*La Semanto*) anstataŭigante Sron H.Calais; Sroj A. Van der Biest kaj Luc. Blanjean, vicprezidantoj, Sroj M. Seynave, Champy (*Antverpena G. E.*) anstataŭigante Sron Vermeulen, Sroj J. B. Istace kaj Fr. Schoofs (*La Verda Stelo*), Sro Clerbaut (*Boom*) Sro O. Chalon (*Pioniro*) Sro L. Delvaux (*Karloreĝa G. E.*), Sroj Ed. Mathieu kaj H. Palmer (*Verviers*) Sro Coox kasisto kaj Jos. Jamin sekretario de la Ligo.

La delegitoj neĉeestantaj de la aliaj grupoj senkulpiĝis.

La prezidanto deziras bonvenon al la novaj delegitoj de la grupoj Bonveno el Ikselo kaj La Verda Stelo el Antverpeno.

Li sciigas ke la grupo Bonveno kalkulas de nun okdek membroj kaj elektis Sron leŭtenanton M. Cardinal kiel dua delegito. Sro Cardinal, ĉeestanta, estas akceptita kiel membro de la komitato.

Kvar novaj grupoj deziras aliĝi al la Ligo; estas akceptataj la grupoj: « Berchema Grupo Esperantista » el Berchem; « La Verda Flago » el Mariaburg kaj « Amikejo » el Moresnet; pri tiu ĉi grupo, la komitato decidis ĝin akcepti ĉar oni povas konsideri Moresnet Neŭtra kiel samtempe belga kaj preŭsa lando, sed ne memstaranta. Pri la grupo « La Stelo Matena » el St-Trond la komitato decidis prokrasti provizore ĝian akcepton.

Sroj Havermans kaj Auguste de la Haye, delegitoj de la Berchema grupo Esperantista, kaj Sro Streitz, delegito de La Verda Flago, ĉeestantaj laŭ invito de la prezidanto, estas akceptitaj kiel membroj de la komitato. Sro Mathys el la grupo de Boom ĉeestas ankaŭ kiel invitato.

La prezidanto legas leteron de la diversaj grupoj el Antverpeno, kiuj proponas ke la Ligo prezentu la urbon Antverpenon kiel loko de la VIa kongreso dum 1910. Post mallonga diskutado oni decidis:

1e Ke la Ligo proponos Belgujon kiel lando por la VIa kongreso (1910); tiu propono estos adresata al la kongreso en Dresden.

2e Ke la Ligo akceptos ankaŭ aliajn proponojn de la grupoj pri elekto de la urbo, kiu estos difinita por la loko de la projektita kongreso; la proponoj estos senditaj antaŭ 15 tagoj al la Prezidanto.

3e Ĉiu grupo voĉdonos pri la diversaj proponoj, kiujn la sekretario sciigos al la grupo. Tiel la urbo proponota, estos difinita.

Pri la diplomoj, la diversaj grupoj povas organizi ekzamenojn kaj disdoni diplomojn, sed la Ligo ne respondas pri tiuj organizaĵoj. En okazo de ŝanĝo en la regularo de la Liga grupo, tiu ĉi devas sendi sciigon pri tio al la komitato.

Sro Komandanto Ch. Lemaire, prezidanto, traktas la nunan lingvan situacion kaj speciale la situacion de la Lingva Komitato, kiu intencas starigi Akademion de kiu la membroj estos elektitaj el nomaro, formita post prezento de la kandidatoj per si mem. Li anoncas ke de nun li sendis sian eksiĝon de tiu stranga komitato.

Li ankaŭ detale klarigas la rolon de la Centra

Oficejo, kiun Dro Javal fondis por helpi senpartie la reformojn kaj precipe la reformojn pri alfabeto. Nun la Centra Oficejo helpas la fanatikulojn kaj agas tute kontraŭ la intenco de ĝia sola fondinto.

Sro Ch. Lemaire anoncas ke de nun li intencas enkonduki la Linguon Internacionan, estas diri la lingvon akceptitan de la Delegacio, en La Belga Sonorilo kaj konkurante daŭrigi uzon de la nunan Esperanton ; la reformita lingvo estos prezentita sub nomo de simpligita Esperanto.

Sro Champy ne aprobas tiun intencon kaj proponas ke la Ligo prezentu unuaniman konsenton pri fondo de Akademio. Sro Ch. Lemaire estas preta prokrasti sian intencon se la diversaj grupoj akceptus fondon de Akademio elektota de la Esperantistaro. Sro Jamin anoncas ke li estas preta forlasi la nunan Lingvan Komitaton, se ĉiuj membroj de ĝi intencus akcepti ke nia unuiĝo kaj la estonteco mem de la lingvo postulas ĝeneralan eksiĝon de ĉiuj membroj.

Post diskutado, ŝajnas ke la diversaj delegitoj akceptus ian proponon pri Akademio krom Sro Van der Biest, kiu ne voĉdonas ĉar li konfidas al la nuna Lingva Komitato kaj tamen li ne volas voĉdoni kontraŭ Akademio.

Fine oni decidas ke la diversaj grupoj ekzamenos la sekvantan proponon, redaktitan laŭ la ĝenerala intenco de la delegitoj; la propono estos disvastigata en la tuta Esperantistaro post aprobo de la diversaj grupoj.

**(Texte original).**

Le comité de la L. E. B., réuni à Bruxelles le 5 juillet 1908 déclare que dans la situation actuelle il lui paraît indispensable qu'une Académie internationale Espérantiste permanente dont les membres seraient nommés par les différents peuples, soit créée sans retard, afin de résoudre dans l'esprit le plus large et le plus libre possible, toute question linguistique.

Le Comité de la Ligue Belge estime que les membres de cette Académie doivent être élus par chaque pays suivant des règles établies par ces divers pays pris en particulier, indépendamment de ce qui pourrait se faire à l'étranger.

Il semble au Comité que le nombre des membres de l'Académie proposée pourrait être fixé en tenant compte du nombre total d'habitants de chaque pays et que la proportion suivante pourrait être acceptée.

| | | |
|---|---|---|
| de 1 à 3 millions | . . . . . | 2 représentants |
| de 3 à 6 » | . . . . . | 1 supplémentaire |
| de 6 à 12 » | . . . . . | 1 » |
| de 12 à 24 » | . . . . . | 1 » |
| de 24 à 48 » | . . . . . | 1 » |
| de 48 à 96 » | . . . . . | 1 » |
| etc. | | |

*Note.* — Il va de soi que les membres de l'actuel Lingva Komitato, pourront se présenter aux suffrages de leurs compatriotes.

**(Tradukita teksto).**

La Komitato de la Belga Ligo Esperantista, kunvenita en Bruselo la 5an de Julio 1908a deklaras ke, en la nuna situacio, ŝajnas al ĝi ke estas tute necesa ke Internacia Esperantista Akademio, konstanta, de kiu la membroj estus nomitaj de la diversaj popoloj, estu kreita senprokraste, por solvigi, laŭ la plej plena kaj la plej eble libera kompreno, ĉiun lingvan demandon.

La Komitato de la Belga Ligo opinias ke la membroj de tiu Akademio devus esti elektitaj en ĉia lando, laŭ reguloj starigotaj de tiuj diversaj landoj aparte konsideritaj kaj sendepedante de tio, kio povus okazi en fremdlando.

Ŝajnas al la Komitato ke la nombro de la membroj de la proponita Akademio povus esti fiksita laŭ la plena nombro de la loĝantoj de ĉia lando kaj ke la sekvanta proporcio estas akceptinda :

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| de 1 ĝis 3 milionoj | da | loĝantoj | 2 delegitoj | |
| de 3 ĝis 6 » | » | » | 1 plua | delegito |
| de 6 ĝis 12 » | » | » | 1 » | » |
| de 12 ĝis 24 » | » | » | 1 » | » |
| de 24 ĝis 48 » | » | » | 1 » | » |
| de 48 ĝis 96 » | » | » | 1 » | » |
| k. t. p. | | | | |

*Noto.* — Kompreneble la membroj de la nuna Lingva Komitato povos sin prezenti al la voĉdono de siaj samlandanoj.

---

La prezidanto esperas ke ĉiuj grupoj respondos frue, tiamaniere se la propono estus akceptita oni povus disvastigi ĝin antaŭ la IVa Kongreso.

La Komitato ekzamenas kelkajn proponojn pri financa helpo al grupoj kaj rimarkigas ke estas dezirinda ke kontraŭe la grupoj finance helpu la Ligon.

La ĝenerala kunveno de la Belga Ligo okazos post fino de Septembro.

Pri la IVa Kongreso en Dresden al kiu partoprenos kelkaj el la komitatanoj, oni decidas ke Sroj Van der Biest kaj Luc. Blanjean estos delegitoj de la Ligo por paroli en ĝia nomo respektive por la grupoj flandre parolantaj kaj france parolantaj.

La kunveno disiĝas ĉirkaŭ la 2a horo posttagmeze.

***

Pri la protokolo de la kunsido de la 9a de Februaro, laŭ deziro de Sro Champy delegito de l' Antverpena Grupo Esperantista, tiu protokolo estas tiele plenigita :

Post lego de la letero de frato Izidoro, tiu letero ricevas aprobon de ĉiuj kaj la delegitoj de la Antverpena Grupo Esperantista esprimas la deziron ke la protokolo de la kunsido atentigu pri tio, rimarkigante ke la konkludo de la letero de frato Izidoro pri fondo de Esperantista Akademio estas ankaŭ la konkludo de la antaŭa Raporto de l' Antverpena grupo (Januaro 1908) La letero de frato Izidoro kaj la Raporto de l' A. G. E. estis enlokigitaj en la 79a numero de « La Belga Sonorilo » kiel aldonoj al la protokolo de l' Kunsido de la Liga Komitato de la 9a Februaro.

*La ĝenerala Sekretario,*
JOS. JAMIN.

---



**Antverpena Centra Esperantista Komitato.**

Antverpeno, la 27an de Junio 1908a.

Al
Sinjoro Prezidanto kaj Gesinjoroj Komitatanoj de la « Belga Ligo Esperantista ».

ALTESTIMATAJ GESINJOROJ,

Diversflanke kaj multfoje estas esprimita la deziro ke Esperanta Kongreso okazu en Antverpeno.

Ankaŭ ni, Antverpenaj esperantistaj grupoj, opinias ke organizado de Kongreso en Antverpeno estas dezirinda kaj ni nin turnas al vi, Estimataj Gesinjoroj, por peti ke vi oficiale faru inviton al la Konstanta Komitato de la Kongresoj por ke ĝi okazigu la Kongreson de 1909 en nia komerca metropolo.

Se la loko de la Kongreso de 1909 estus jam nerevokeble fiksita, bonvolu peti ke la Konstanta Komitato donu nepre al ni la Kongreson dum 1910. Ni estas konvinkitaj, ke Kongreso en nia urbo bonege sukcesus kaj efike favorigus la disvastigadon de nia kara lingvo en Belglando.

Bonvolu akcepti, Altestimataj Gesinjoroj, kun nia sincera antaŭdanko, la certigon de nia respektplena sindono.

Por la « *Antverpena Grupo Esperantista* » :

LA SEKRETARIO, L. CHAMPY. — LA PREZIDANTO, Dro RAYM. VAN MELCKEBEKE.

Por « *Verda Stelo* » :

LE SEKRETARIO, J. B. ISTACE. — LA PREZIDANTO, F. SCHOOFS.

Por la « *Berchema Grupo Esperantista* » :

LA SEKRETARIO, AD. GOOSSENS. — LA PREZIDANTO, A. HAVERMANS.

Por « *La Verda Flago* », Mariaburg.

LA SEKRETARIO, J. WEYTS. — LA PREZIDANTO, FR. WILLEMSEN

Por la « *Antverpena Centra Esperantista Komitato* » :

LA SEKRETARIO, F. SCHOOFS. — LA PREZIDANTO, VAN DER BIEST-ANDELHOF.

---

## RISUM TENEATIS.

Mr Cart reproche indirectement à Belga Sonorilo de ne pas obéir à son programme qui est de tout faire connaître.

Belga Sonorilo fait connaître tous les documents sincères, mais non les documents venant de personnalités dont le seul but est de rendre trouble la question linguistique.

Tout spécialement Belga Sonorilo exprime son mépris aux journaux espérantistes qui ont menti sciemment.

B. S.

Sinjoro Cart flankmaniere riproĉas al Belga Sonorilo ke ĝi ne obeas sian programon, kiu estas : sciigi ĉion.

Belga Sonorilo sciigas ĉiujn sincerajn dokumentojn, sed ne la dokumentojn elvenantajn de personoj, de kiuj la nura celo estas konfuzigi la lingvan demandon.

Tute speciale, Belga Sonorilo esprimas sian malestimon al la esperantistaj ĵurnaloj, kiuj scieme mensogis.

B. S.

---

## KIU ESTAS IDO.

En la maja numero de « L'Espérantiste » Sro de Beaufront, kiu certe estas la plej bona propagandisto de Esperanto ne sole en Francujo, sed ankaŭ en la tuta mondo, anoncas ke li estas la aŭtoro de la projekto Ido. Tiu malkaŝema sciigo vekis intensiĝon de la personaj atakoj de la fundamentistoj, ĉar la movo pri reformoj de nun fariĝos siavice pli kaj pli intensa; multaj grupoj francaj kaj anglaj intencas uzi paralele la du formojn de lingvo : la Zamenhofa Esperanto kaj la simpligita Esperanto proponita de la Delegacio.

Jam la ĵurnalo « L'Espérantiste » uzas paralele la du formojn kaj ĉiutage ni ricevas informojn kaj leterojn redaktitajn en Linguo Internaciona (E. S.). Siavice « La Belga Sonorilo » libere montros al sia legantaro ekzemplojn de la simpligita lingvo kaj senpartie, kiel ĝi faris ĝis nun, ĝi ekzamenos la reformemajn produktaĵojn.

De la septembra monato, ni eniros en nia sepa jaro de batalo por l'Ideo, kaj de nun por eviti riproĉojn de abonantoj kiuj ne akceptus nian vidmanieron, ni anoncas ke ni varme apogos ĉiujn agojn kiuj celos la liberan uzadon kaj ankaŭ la sinceran plenan ekzamenon de la reformita lingvo. Ni deziras nur helpon de tiuj, kiuj opinias ke la Ideo pri internacia helanto lingvo superas la intrigojn de tia aŭ tia interesata grupo.

Nia simpatio sin direktas al la homoj, kiuj kuraĝe rigardas la danĝeron kiun ni minacas, kaj ni aplaŭdas la du pensojn montritajn en la junia numero de l'Espérantiste :

### DU PENSOJ.

La vera konservanto ne estas la homo, kiu fermas la okulojn al la danĝero kaj obstinas ĉion konservi, riskante ĉion perdi.

La vera amiko ne estas la homo, kiu nin flatas kaj trompas, sed tiu, kiu diras al ni la veron, eĉ se li riskas esti malbenata.

# DOKUMENTOJ.

La Kvara Kongreso en Dresden alproksimiĝas pli kaj pli. Nur kelkaj el la centmiloj da samideanoj povos tie ĉeesti; la decidoj de la kvara kongreso, kiel la decidoj de la tri antaŭaj kongresoj montros nur « dezirojn » sed tamen tiuj « deziroj » estas senpacience atenditaj de la amaso. Nia kunfrato « Germana Esperantisto » enhavas belan artikolon pri la tasko de la kvaro kongreso. Ni reproduktas la plej interesan parton de la artikolo de S^ro Otto Liesche:

## La tasko de la kvara kongreso.

Kia estas la celo de niaj kongresoj? Nia Majstro mem bonege kaj detale pritraktis tiun demandon en Cambridge, kaj ni kredas, ke estas ĝustatempe rememorigi nun pri liaj vortoj: « Ĉar ni decidis, kunvenadi ĉiujare el ĉiuj landoj de la mondo, kaj multaj el ni faras eĉ tre grandajn oferojn, por povi partopreni en niaj kongresoj, tial ni devas klarigi al ni, por kio ni kunvenas. Se ni konscias bone la esencon kaj celon de niaj kongresoj, tiam ni venados al ili kun ĉiam freŝa kaj neniam malfortiĝanta entuziasmo, kiel homoj, kiuj klare vidas antaŭ si la belan celon, al kiu ili iras. Sed se ni ne konscios la celon de niaj kongresoj, tiam ni baldaŭ tute malvarmiĝos por ili kiel homoj, kiuj vagas sencele kaj kiujn tiu vagado baldaŭ laciĝas kaj enuigas . . . . . Ni kunvenas ĉiujare el ĉiuj partoj de la mondo, por havi la ĝojon vidi samideanojn, por premi al ili la manon, por varmigi en ni per reciproka renkontiĝo kaj kunvivo la amon kaj entuziasmon por la ideo, kiun la esperantismo en si enhavas ».

La ideo mem de la esperantismo estas plej klare difinita per la unua paragrafo de la Boulogne'a Deklaracio: « La esperantismo estas penado, disvastigi en la tuta mondo la uzadon de lingvo neŭtrale homa, kiu, ne entrudante sin en la internan vivon de la popoloj kaj neniom celante elpuŝi la ekzistantajn lingvojn naciajn, donus al la homoj de malsamaj nacioj, la eblon kompreniĝadi inter si, kiu povas servi kiel paciga lingvo en tiuj landoj, kie diversaj nacioj batalis inter si pri la lingvo, kaj en kiu povas esti publikigataj tiuj verkoj, kiuj havas egalan intereson por ĉiuj popoloj ».

Estas vere alta kaj ideala celo, kiun niaj samideanoj kunligis en Boulogne kun la ideo de esperantismo. Ne la lingvon Esperanton mem oni starigis kiel lastan kaj ĉefan celon de la esperantismo, sed kiel D^ro Zamenhof ofte diris kaj ripetis lastjare en London: « La esperantismo celas nur al tio, ke ia taŭga kaj vivipova komprenilo inter la popoloj ekzistu, sed la formo de tiu komprenilo estas por ni — aŭ almenaŭ por mi — tute indiferenta ».

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Sed kiel ni devas sintenadi al la mondo ne-ankoraŭ-esperantista, al la mondo varbota por nia afero? Ni devas konvinki ĝin iom post iom pri la neceseco, utileco kaj la ebleco de internacia helplingvo per la praktika enkonduko kaj aplikado de Esperanto, la sola lingvo, kiu montriĝis plene taŭga por tio. Kun granda ĝojo ni povas konstati, ke Esperanto jam tre multe atingis en tiu rilato. Ne nur estas fakto, ke nia movado mirinde kreskas ĉiujare; estas ankaŭ fakto, ke per la merito de Esperanto la tuta granda ideo de lingvo internacia, antaŭe tiel mokata, akiris grandan intereson kaj favoron en ĉiam pli vastaj rondoj, en la oficiala kaj la scienca mondo. Esperanto vere naskis la « Esperantismon » en la supre difinita signifo.

La fondo kaj la agado de la Delegitaro por alpreno de internacia helplingvo estas elmontro de tiu ĝenerala movado, kiu plejmulte helpata kaj subtenata de la praktikaj sukcesoj de Esperanto, tamen estis ekster la propra esperanta movado. La decido de la Delegitaro — principe alpreni Esperanton, kondiĉe ke certaj ŝanĝoj estu enkondukotaj laŭ la propono de Ido — tiu decido vigligis la intereson por la afero en kelkaj plej gravaj kaj influemaj rondoj, kiuj ĝis nun ne aktive partoprenis en la movado. Kaj fakte granda parto de tiaj, plejmulte sciencaj rondoj, aprobas la decidon de la Delegitaro, precipe ankaŭ la proponitajn ŝanĝojn. Ankaŭ kelkaj el la plej ŝatataj, konataj kaj meritplenaj Esperantistoj aliĝis al tiu opinio.

Aliflanke la plimulto de la Esperantistaro rigardas la netuŝeblecon de la Fundamento, — t. e. la tute senrompan disvolviĝon sur tiu bazo —, kiel la plej gravan principon, kiu sola povas konduki nin al la celo. Ili timas, ke la forlaso de tiu principo pereigos ne nur nian specialan esperantan movadon, sed prokrastos por longtempe la venkon de la tuta ideo de lingvo internacia.

La reformemoj kontraŭe kredas, ke la reformoj faras la lingvon ne nur teorie pli perfekta, sed precipe pli agrabla por la unua ekvido, tial pli propagandebla kaj iom pli facile lernebla. Sekve de tio ili havas la opinion, ke per la reformoj la ĝenerala enkonduko de la lingvo estos pli rapida kaj pli facila.

Ni do havas du kontraŭajn principojn. Kiu venkos, montros nur la plua disvolviĝo de la afero. Ĉiu partio havas la rajton, eĉ la devon, batali por sia principo, de kiu dependas laŭ ĝia konvinko la estonteco de la lingvo. Ne ŝajnas al ni ekzisti granda danĝero, se la batalado fariĝas per honestaj kaj lojalaj bataliloj, se ĉiu estimas la kontraŭulon kaj lian opinion. Neniam utilas, kaj ne estas inda je nia granda ideala afero, uzi kiel batalilojn personajn argumentojn, riproĉojn, akuzojn — ĉu pravajn, ĉu malpravajn. Ĉar ne traktas pri la homoj kun iliaj mankoj kaj eraroj, sed pri la ideoj mem, kiujn ili defendas.

Konsiderante ĉion tion ĉi estus facile limigi la batalon de la ideoj al libera, amika diskutado. Ĉar ni ĉiuj estas amikoj de nia granda ideo, kaj ni ĉiuj devas esti amikoj inter ni. Ni do amike renkonten iru unu al la alia. Ni ne nur fervore provu konvinki la alian, sed ni ankaŭ aŭdu serioze liajn argumentojn, kaj se ili ŝajnas pravaj al ni, ni cedu volonte kaj estu la konvinkitaj. Precipe ni des malpli pretendu nian propran opinion, ju pli ĝi estas ekstrema en tiu aŭ alia rilato. Nur tiel ni povos refortigi nian unuecon, por antaŭeniri kune, por kune daŭrigi nian pacan militiron tra la mondo. Ne la demando, kiu el la diritaj principoj superos, devas esti nia ĉefa kaj lasta zorgo, sed ke ni konservu nian bazon, aŭ se necese kreu novan, por komuna kontinua antaŭeniro.

Plie ni devas konsideri, kio ĉefe alkondukos praktike la decidon pri tio, kiel nia lingvo en sia formo kaj en sia disvastiĝo estonte disvolviĝos. Certe grandparte influas sur tio la rezultato de la diskutado de la esperantistoj mem, t. e. la maniero de nia komuna agado. Sed la lastan decidon donos la nun eksteresperantista mondo kaj ĝia sintenado. Certe estas plej grava demando, kiel kaj en kia formo la homoj plej volonte akceptos la lingvon. Estus malprudente, ne konsideri tion. Ĉar alie la danĝero povus naskiĝi ke la mondo sen respekto al la nuna formo de Esperanto, eble eĉ sen respekto al ĝia nomo — ankoraŭ plej ŝatata de ĉiuj amikoj de lingvo internacia — alprenos alian formon pli bone plaĉantan al ĝi. Niaj samideanoj, kiuj kunligis en Boulogne kun la vorto « Esperantismo » tiel altan, ĝeneralan ideon tiam estus erarintaj.

Eviti tiun fatalan eventualecon, savi al Esperanto ĝian ĝeneralan signifon, tio ĉi estas la speciala tasko de la kvara kongreso.

***

Laŭ la opinio de la skribinto de tiuj ĉi linioj, laŭ la opinio de multaj sinceraj Esperantistoj la kvara kongreso devos krei la eblecon,

ke estonte libera kaj serioza diskutado povu okazi pri la diritaj principoj;

ke nia Lingva Komitato esploru detale la proponitajn reformojn laŭ ilia teoria kaj praktika graveco.

ke la Lingva Komitato ne antaŭe estu ligita al unu el la du principoj, sed povu, post detala sincera esplorado sekvi tiun principon, kiu montriĝos kiel la plej bona por la estonteco de nia lingvo kaj de nia movado.

Laŭ tiu celo devos fariĝi la intencita reorganizo de la Lingva Komitato, kiu por tio ankaŭ devos ricevi la necesajn rajtojn kaj la necesan liberecon en sia agado.

Ni ĉiuj deziras la nemalhelpantan kontinuecon de nia lingvo kaj de nia movado. Ni subtenu la kontinuecon kiel eble plej multe. Sed ni ne ligu nin por ĉiam al iu fiksita principo, kiu eble tre oportuna en iu tempo povas fariĝi maloportuna en alia tempo. Nia lasta kaj ĉefa celo por ĉiam estu: helpi en la plej bona kaj oportuna maniero la venkon de nia granda ideo, kiu estas la « Esperantismo ».

D^ro Otto Liesche.

Nia gelegantaro konsentos ke tiun programon ĉiam defendis « La Belga Sonorilo ». Bedaŭrinde la Lingva Komitato decidis ke ĝi ne ekzamenos aŭ esploros la proponitajn reformojn. Eĉ oni povas facile antaŭvidi ke la « reorganizota » Lingva Komitato enhavos nur homojn, kiuj, laŭ diro de S^ro Zinoviev, « portis verkojn sur la esperanta bazaro ». Tiela Lingva Komitato estas de nun ligita al principo kiu neniel montriĝos taŭga por la estonteco de nia movado.



### El « Germana Esperanto-gazeto »:

La pasinta tempo nun montris al ni du faktojn:

1^e ke la nuna « Lingva Komitato » taŭgas por nenio, eĉ ne por decidi pri lingvaj aferoj;

2^e ke estas multege da reformoj proponitaj senbezone de unuj aŭ aliaj, sed ke tamen ekzistas kelkaj (nur malmultaj) reformoj proponitaj de ĉiuj. Kial do ne enirigi en la lingvon ĉi tiujn reformetojn? — Al la malnovaj esperantistoj ili faros nenian malfacilaĵon kaj al la fariĝontaj ili nur plisimpligos la lernadon.

---

## BOULOGNE-SUR-MER.

Le groupe dissident de Boulogne « Verda Stelo » nous prie d'insérer la lettre suivante:

Boulogne-sur-mer, le 23 juin 1908.

*Monsieur le Rédacteur en Chef de « Belga Sonorilo ».*

Sous le titre « Boulogne-sur-mer » dans le numéro du 21 juin 1908 de votre estimable journal « Belga Sonorilo », vous écrivez « qu'un certain nombre de membres du groupe espérantiste de Boulogne-sur-mer, mécontents, se sont séparés de leurs amis et ont décidé la formation d'un nouveau groupe dissident qui appuiera la campagne dirigée par les réactionnaires parisiens. »

Vous permettrez, nous en sommes certains, au groupe espérantiste « Verda Stelo » de Boulogne-sur-mer, qui est ainsi nettement visé dans votre article de protester en quelques mots.

Le groupe « Verda Stelo » n'appuie, *lui*, aucune campagne quelconque, qu'elle vienne des « anarchistes belges » ou des « réactionnaires parisiens ».

Aux termes de ses statuts dont nous vous adressons, à nouveau, un exemplaire, le premier envoyé ne semblant pas vous être parvenu, il a pour but l'étude et la propagation de la langue internationale Esperanto, à l'exclusion de toute autre, et suivant les principes de la grammaire de son auteur le Docteur Zamenhof. Il n'admet à l'Esperanto aucune réforme globale, ni aucune modification qui ne soit approuvée par les représentants régulièrement nommés de l'ensemble des Espérantistes.

Nous ne sommes donc des réactionnaires que si, pour ne pas l'être, il faut constamment éprouver le besoin de changer ce que l'on a pour avoir ...l'ours à placer des autres.

Vous ajoutez « que la belle union, rêvée par Zamenhof et par tous les Espérantistes sincères, est à vau-l'eau à Boulogne; que les « fundamentistoj » ont provoqué la désunion, et qu'il est utile de le faire remarquer car si un schisme vient à se préciser, il sera intéressant de rechercher qui l'aura provoqué et par quelles manœuvres.

La recherche ne sera ni longue, ni difficile.

Le groupe « Verda Stelo » a, dans sa circulaire de fondation, signalé les *manœuvres idistes* qui ont provoqué la division à Boulogne. Jusqu'à l'apparition de la langue Ido, le groupe de Boulogne a été uni parcequ'on s'y occupait seulement de propager l'esperanto.

Cette circulaire vous a, en son temps, signalé des *faits*. On a beau reculer, aujourd'hui: les faits d'en sont pas moins là.

Quant à savoir *qui* a provoqué la désunion, chacun le sait en notre ville.

Nous tenons, en tous cas, à vous faire connaître que nous nous félicitons d'avoir fondé notre groupe, qui a mis un peu de clarté dans le débat réformiste chez nous, et qui a eu ce résultat précieux à nos yeux d'amener l'ancien groupe espérantiste à proclamer sa « fidélité », mot qui faisait rire quand nous le prononcions, il y a quelques semaines, et à reconnaître qu'il valait mieux ne plus se mêler de questions linguistiques. Nous voulons espérer, en effet, que c'est seulement par la force de l'habitude que dans sa circulaire, le Groupe Espérantiste tranche la question d'évolution naturelle ou d'académie.

Permettez-nous d'ajouter, enfin, que le groupe Verda Stelo, compte lui aussi de vaillants espérantistes, organisateurs du premier Congrès. S'il n'était pas certain d'avoir fait de bonne besogne, notre groupe n'aurait pour s'en convaincre qu'à lire les lettres de félicitation qu'il a reçues d'un peu partout, *même de Belgique*, et surtout qu'à se reporter à la lettre que lui a *spontanément* écrite le Docteur Zamenhof, à la réception de sa circulaire de fondation:

« Al la Grupo « Verda Stelo » volu transdoni mian koran saluton kaj deziron de plej bona florado kaj sukcesoj.

Mi esperas ke via grupo tre baldaŭ denove reakiros por via urbo tian grandan simpation, kiun ĝi havis en la tuta mondo esperantista kaj kiu bedaŭrinde en lasta tempo iom malfortiĝis pro la malfeliĉaj cirkonstancoj ».

Nous comptons sur votre habituelle loyauté pour insérer le présente lettre dont le texte a été adopté à l'unanimité par les sept membres soussignés composant le comité du Groupe « Verda Stelo » de Boulogne-s/mer.

Veuillez croire, Monsieur le Rédacteur en chef, à nos meilleurs sentiments et à l'espoir que nous gardons de nous retrouver un jour de nouveau réunis quand la leçon de l'aventure idiste aura été comprise de tous les espérantistes.

L. Sergeant,
*Avocat, Docteur en Droit, Ex-vice-président du G. E. de Boulogne. Président.*

K. Pannevin,
*Professeur d'Anglais à l'école de Commerce et d'Industrie, Ex-vice-Présidente du G. E. de Boulogne-sur-mer, Membre du comité d'organisation du 1^er Congrès. Vice-Présidente du G. E. « Verda Stelo ».*

C. Delachef,
*Conducteur des Ponts et Chaussées. Secrétaire (8872).*

G. Lephay,
*Professeur d'Esperanto à la Bourse du Travail. Membre du comité d'organisation du 1^er Congrès, Ex-membre du Comité du Groupe Espérantiste de Boulogne. — Trésorier.*

G. Baire,
*Ingénieur civil des Mines, Ex-secrétaire-adjoint du G. E. de Boulogne, secrétaire-adjoint du G. E. « Verda Stelo ».*

J. Cottet,
*secrétaire rédacteur du Conseil d'Administration du Bureau de Bienfaisance.*

A. Florence,
*clerc de notaire, ancien membre du G. E. de Boulogne-sur-mer, membre du Comité du Groupe « Verda Stelo » de Boulogne-sur-mer.*

Maintenant que nos lecteurs ont fait ample connaissance avec l'état-major du nouveau groupe de Boulogne s/mer, nous arrêterons là toute polémique. Le nouveau groupe, par son programme, diffère bien peu de l'ancien; notons simplement qu'il admettrait une réforme globale si elle était approuvée « par les représentants régulièrement nommés de l'ensemble des Espérantistes. » Il faut avouer que ce passage sent joliment son « Michaux » et si on ajoute à cela que le groupe « n'appuie lui, aucune campagne des réactionnaires parisiens » nous devons nous montrer désireux de la paix et ne pas attacher trop d'importance au qualificatif « anarchistes belges » dont nous gratifie le « novbakita grupo ».

---

## KOREKTO.

En la letero de S^ro Geo Listens, kiu ni enlokigis en nia antaŭa numero, la skribanto uzis erare la radikon Koler'; bonvolu anstataŭigi « kolereskas » per « iracas ».

---

# KRONIKO DE LA GRUPOJ.

**Antwerpen.** *Antverpena Grupo Esperantista.* — Op Zaterdag 27$^{n}$ Juni had de A. G. E een muzikalen en letterkundigen feestavond ingericht, ter eere der leden, die het bekwaamheidsdiploma van onderwijs in Esperanto hebben verworven.

Men weet dat de Antwerpsche groep veel uitstekende leden bevat: zangers, deklamators en instrumentisten. Het concert gelukte dan ook ten volle; een talrijk en sympathiek publiek was aanwezig (hoewel het warm jaargetijde voor concerten en tooneelvoorstellingen geenszins voordeelig is), en men juichte luid — en te recht! — ieder nummer van het programma toe.

Tusschen de twee deelen van het programma, deed de heer voorzitter, D$^{r}$ R. Van Melckebeke, een kleine aanspraak in het Esperanto. Hij herdacht de geschiedenis der groep, die vóór 5 jaar gesticht werd, hij bracht een dankbare hulde aan de eerste kampers en stipte met fierheid den tegenwoordigen bloei der maatschappij aan, de hoop uitdrukkende dat ze steeds aan bijval en voorspoed toeneme. Hij bood den warmsten dank aan allen die tot het welgelukken van het feest bijdroegen en voornamelijk aan den Heer en Mevr. Claesssens, Juffrouwen C. Giffroid, Eug. Gunzburg en M. Posenaer, die het diploma verwierven, en een nieuwe, degelijke kern van propagandisten zullen worden.

Kortom, een aangenaam feest, dat bij al de aanwezigen den besten indruk zal laten.

— Den zelfden avond had bij de esperantische diamantbewerkers een sympathieke betooging plaats ter eere van den heer Van der Biest-Andelhof.

De heer J. Groesser bood den verkleefden leeraar in name zijner makkers een schoon geschenk aan en ieders hartelijken dank; met genoegen en fierheid wees hij op de gedane vorderingen en het groote nut van het Esperanto voor werklieden.

De heer Van der Biest roemde luid den ijver en de aanhoudendheid waarmede de diamantbewerkers zijnen leergang hebben gevolgd, en betreurde hartelijk de treurige beroepsomstandigheden gedurende welke hij met hen had kennis gemaakt. Hij wenschte hun spoedig het wederkeeren der gouden dagen en ried hun aan zich verder te volmaken, en in de esperantische beweging te treden.

Alvorens te scheiden, richtten de diamantbewerkers een esperantische groep in. Deze vereeniging groeie, bloeie en gedije en diene tot voorbeeld aan al de verstandelijke werklieden!

— « Unitas », orgaan der Antwerpsche vereeniging van handelsbedienden, bevat in zijn nummer van 25$^{n}$ Juni een zeer lezenswaard artikel over Esperanto, onderteekend door onzen wakkeren medekamper, den heer Robert Untermann.

**Bruxelles.** — Quelques espérantistes bien connus ont visité Bruxelles ces jours derniers; citons Monsieur Samppa Luoma de Nurmijärvi en Finlande, et M. Antoni Grabowski, président de la Société polonaise Espérantiste de Varsovie.

**Antverpeno.** *Antverpena Grupo Esperantista.* — Je Sabato, la 27$^{an}$ de Junio, la A. G. E. estis organizinta muzikan kaj literaturan vesperfeston, je l' honoro de la grupanoj kiuj akiris la ateston pri profesoro kapableco.

Oni scias ke la Antverpena grupo enhavas multe da distingaj anoj: kantistoj, deklamistoj kaj instrumentistoj. La koncerto do plene sukcesis; multnombra kaj simpatia aŭdantaro ĝin ĉeestis (kvankam la varmega sezono tute ne estas favora al koncertoj aŭ teatrajoj), kaj oni laŭte — kaj prave! — aplaŭdis ĉiun numeron de la programo.

Inter la du partoj de l' programo, S$^{ro}$ D$^{ro}$ R. Van Melckebeke, prezidanto, faris paroladeton en Esperanto. Li rememoris la historion de la grupo, fondita antaŭ 5 jaroj, li dankeme kaj respektplene salutis la unuajn pionirojn, konstatis fiere la nunan floradon de la societo kaj esprimis la esperon ke ĝi daŭre sukcesu kaj prosperu. Li prezentis la plej fervorajn gratulojn al ĉiuj, kiuj kunhelpis al la sukceso de la festo kaj precipe al Gesinjoroj Claessens, Fraŭlinoj C. Giffroid, E. Gunzburg kaj M. Posenaer, kiuj akiris la diplomon kaj fariĝos nova, taŭga kerno da propagandistoj.

Sume, ĝojiga festo, kiu lasos ĉe la ĉeestintoj la plej bonan impreson.

— La saman vesperon okazis ĉe la esperantistaj diamantlaboristoj simpatia elmontro je l' honoro de S$^{ro}$ Van der Biest-Andelhof.

S$^{ro}$ J. Groesser prezentis al la sindona profesoro je l' nomo de siaj kamaradoj belan donacon kaj ĉies koran dankon; li plezure kaj fiere vidigis la faritan progreson kaj la grandan utilecon de Esperanto por laboristoj.

S$^{ro}$ Van der Biest ege laŭdis la fervoran kaj la persistecon per kiuj la diamantlaboristoj sekvis sian instruadon, kaj tutkore bedaŭris la malĝojajn profesiajn cirkonstancojn dum kiuj li konatiĝis kun ili. Li bondeziris la baldaŭan revenon de la oraj tagoj kaj konsilis al ili daŭre perfektiĝi kaj eniri la esperantistan movadon.

Antaŭ ol disiĝi, estis organizata esperantista grupo por diamantlaboristoj. Ĝi kresku, floradu, fruktedonu kaj estu ekzemplo por ĉiuj intelektaj laboristoj.

— « Unitas », organo de la Antverpena uniiĝo de komercaj oficistoj, enhavas en sia numero de la 25$^{a}$ de Junio tre legindan artikolon pri Esperanto, subskribitan de nia vigla kunbatalanto S$^{ro}$ Robert Untermann.

**Bruselo.** — Kelkaj bonekonataj Esperantistoj vizitis Bruselon dum la jus pasitaj tagoj; ni citu S$^{ron}$ Samppa Luoma, el Nurmijärvi, Finlando, kaj S$^{ron}$ Antoni Grabowski, prezidanton de la Pola Societo Esperantista el Varsovio.



A la Conférence de Bibliographie qui s'est réunie à Bruxelles, le général Sebert de Paris a présidé les diverses réunions; pendant le banquet et puisque la Conférence était internationale, les délégués de chaque nation ont toasté dans leur langue et l'un de nos anciens amis, M. Hanauer de Francfort, a pris la parole en Esperanto.

La Conférence a créé un comité de patronage des Congrès internacionaux de Bibliographie et de Documentation et a acclamé comme président M. André Carnegie.

*Pioniro.* Le 15 juillet a eu lieu une assemblée générale du groupe; l'ordre du jour annonçait une discussion et un vote au sujet des propositions présentées au comité de la Ligue belge.

Le 22 juillet, le groupe organise un souper pour la clôture des réunions ordinaires.

*Bonveno.* Ce groupe a aussi organisé un souper intime, qui a eu lieu au siège du groupe le 16 juillet; le dimanche suivant le groupe doit excursionner dans la forêt de Groenendael.

Les deux groupes prendront part à une prochaine exposition annoncée à Bruxelles et dès maintenant il est certain que M. Cardinal, président de Bonveno, y conférenciera au sujet du rôle social de la carte postale en Esperanto.

Ĉe la Konferenco pri Bibliografio, kiu kunvenis en Bruselo, generalo Sebert el Parizo prezidis la diversajn kunsidojn; dum la festeno, ĉar la Konferenco estas internacia, la delegitoj de ĉia nacio tostis per sia lingvo, kaj unu el niaj malnovaj amikoj, S$^{ro}$ Hanauer, el Frankfurt, parolis Esperante.

La Konferenco kreis patronecan komitaton de la Internaciaj kongresoj pri Bibliografio kaj Dokumentaro kaj aklamis, kiel prezidanto, S$^{ron}$ Andreo Carnegie.

*Pioniro.* La 15$^{an}$ de Julio okazis ĝenerala kunveno de la grupo; la tagordo anoncis diskuton kaj voĉdonon pri la proponoj prezentataj de la Komitato de la Belga Ligo.

La 22$^{an}$ de Julio, la grupo organizas vespermanĝon por ĉesigi la ordinarojn kunvenoj.

*Bonveno.* Tiu grupo organizis ankaŭ intiman vespermanĝon, kiu okazis je la sidejo de l' grupo, la 16$^{an}$ de julio; la sekvantan dimanĉon la grupo ekskursos en arbaro de Groenendael. (Verda valo).

Tiuj grupoj ambaŭ, partoprenos al proksima ekspozicio anoncita en Bruselo kaj de nun estas certa ke S$^{ro}$ M. Cardinal, prezidanto de Bonveno, tie parolados pri sociala rolo de la Esperanta poŝtkarto.

---

## TRA LA MONDO ESPERANTISTA

### KELKLINIAJ NOVAJOJ.

Je la festo de Armentières (Norda Francujo) S$^{ro}$ Van der Biest el Antverpeno reprezentis la belgajn samideanojn; tutkora entuziasmo regnis dum la festo kaj dekok grupoj de la Norda regiono (Nord, Somme, Pas-de-Calais) fondis la Federacion de la Nordo. Krom la Grupo Esperantista de Boulogne, tiuj grupoj akceptis « pure kaj simple » la nunan Lingvan Komitaton! Bone, kiel diris la angloj, ni atendas la opinion de la Federacio post kelkaj monatoj.

Oni anoncas baldaŭan reaperon de la jurnalo « La Holanda Pioniro ». Tamen la « Amsterdama Pioniro » ne sciigis sian malaperon kaj aliflanke ni ricevis la folieton « Frateco » eldonitan de la ĝenerala Esperanta Laborista Klubo en Hago. Niaj holandaj amikoj ŝajnas multe ŝati la diversecon pri jurnaloj.

Ĉar multaj ŝanĝoj okazis en la adresoj de novaj kaj malnovaj jurnaloj, ni korektis, la plej plene eble, la nomaron de la gazetaro; pri tio niaj gelegantoj povas informiĝi sur la koverto de nia jurnalo.

La Oficiala Gazeto Esperantista, organo de la lingva komitato kaj de la konstanta komitato de la kongresoj, sendis sian unuan numeron. Oni abonas la Gazeto ĉe la Centra Oficejo, *51, rue de Clichy, Paris*; prezo de la jarkolekto 5 frankoj = 2 spesmiloj.

La Oficiala Gazeto Esperantista jam nature evolucias kaj enkondukas, pri nia jurnalo, la novan adjektivon: monatduona (!). Dankon.

Kurioza nova jurnalo estas « La spritulo » internacia monata gazeto por ŝerco, humoro kaj satiro, multe ilustrita. Jam la gazeto montras vidon de la kvara kongreso, sed apud D$^{ro}$ Zamenhof, en Roma togo, staras du romaj policanoj kaj ĉiuj partoprenantoj estas robe vestitaj!

Konvenas ke oni ne miksigas D$^{ron}$ Zamenhof al satira aŭ humora ilustrajo.

Krom tio, la jurnalo estas interesplena.

Ankaŭ kurioza estas la jurnalo « La du Steloj » (*Las dos estrellas*) oficiala organo de la Ĉila Esperantista Asocio, kun multe kolorita koverto. La du steloj reproduktas la fame konatan Deklaracion de la Esperantistaj Gazetoj kaj subsignas ĝin. Tiu nova jurnalo estas ĉefe kurioza ĉar ĝi enhavas kelkajn centojn da eraroj pri uzo de la akuzativo, kiun ŝajne ne komprenas la redaktoroj; plie kelkaj tekstoj estas tute nekompreneblaj.

Ĉu la aliaj subsignantaj jurnaloj akceptas tielan uzon de la lingvo?

La Internacia Socia Revuo estas de nun duonmonata kaj la abonprezo estas nur fr. 3.50 = 1.40 spesm. Kvankam le revuo estas presita en Rotterdamo, la administracio estas ankoraŭ en Parizo, *45, rue de Saintonge.*

Ĉu la socia revuo daŭros akcepti la supre aluditan Deklaracion de la gazetoj?

Ni petas la prezidantojn de la specialaj societoj aŭ sekcioj, kiuj intencas fari kunvenon dum la IV$^{a}$ kongreso, ke ili sendu kiel eble plej baldaŭ komunikon al la subskribinto, por ke ni povu ĝustatempe decidi pri la kunvenejo kaj la tagordo. Krom la nomo de la societo bonvolu anonci la ĉirkaŭan nombron de la partoprenontoj kaj speci-

alajn dezirojn, kiujn ni plenumos laŭ ebleco. La anoncojn jam senditajn al la kvaro ni konsideros.

Komisiite de la kvaro kaj la Societo Dresdeno
la Komitato por specialaj kunvenoj
K. Schóuherry, Dresdeno, Lössnitzstrasse, 22 ".

Sro P. Hübner, el Mülheim a Rhein (Germanio) Friedr. Wilh. Str. 66, eldonas « Monataj raportoj pri disvastiĝo de Esperanto inter la Kristanaj Unuiĝoj de Junaj Viroj. Kristana kunveno okazos en Dresdena Kongreso, fiksita je la 16a de Aŭgusto.

Dum Novembro okazos en urbo Nagpur, (Hindujo) ekspozicio en kiu estos starigita aparta sekcio por specimenoj da pupoj en nacia kostumo. Oni povas korespondadi pri tio kun Sino R. Fanshawe, Raipur, Central Provinces, India.

Sro P. Corret verkas nun tezon por medicina doktoriĝo; temo: Utileco kaj ebleco de la alpreno de helpa lingvo internacia en medicino. La tezo estos prezentita ĉe la Pariza Fakultato de Medicino. Sro P. Corret deziras ricevi ĉiujn informojn kaj dokumentojn, kiuj povus helpi lin, ĉe sia privata adreso: 12, *rue de Vergennes*, *Versailles* (*S. et O.*) *France.*

Mozano.

## Bureau International de Fédérations d'Instituteurs.

SESSION DE 1908.

*Réunion de Londres.*

Le Bureau international de Fédérations d'Instituteurs a tenu sa troisième réunion annuelle à Londres, au local de la *National Union of Teachers*, Russell Square 67, les 7, 8, 9 et 10 juin.

Les séances furent présidées par un espérantiste belge très dévoué à notre cause, M. Rossignol.

Lors de la séance du 9 juin, il a été question de la langue internationale; nous extrayons du procès-verbal officiel le passage suivant en félicitant ici les promoteurs de cette communication.

**SÉANCE DU 9 JUIN.**

La séance s'ouvre à 10 heures.

Relativement à la question de la langue auxiliaire internationale, le Comité du Bureau a reçu la pièce suivante:

Considérant la fréquence des rapports internationaux, tant au point de vue intellectuel, qu'au point de vue industriel et commercial;

Considérant que la vie internationale est devenue un instrument de progrès et de civilisation, peut-être le plus puissant de tous, et que, en rapprochant les peuples, elle contribuera certainement à l'établissement de rapports fraternels entre les nations et à l'instauration d'un régime de paix basé sur le respect du droit;

Considérant que les congrès internationaux sont devenus la forme de consultation ordinaire entre les ouvriers, les instituteurs, les professeurs, les représentants de la science mondiale, du commerce et de l'industrie, et en général, de toutes les branches de l'activité humaine qui amènent, chaque année, la réunion de plusieurs congrès internationaux;

Estimant, d'une part, qu'il y aurait grands avantages à ce que tous ceux qui participent à la vie internationale, possédassent, à côté de la connaissance parfaite de leur langue maternelle (nationale), la connaissance d'un instrument international de transmission de la pensée;

Considérant que l'adoption d'une langue internationale permettrait de réaliser des progrès, plus rapidement que par le passé;

Le cercle pédagogique de Laeken-Jette estime qu'il y a lieu d'inscrire l'étude pratique de l'Esperanto au programme de l'enseignement normal primaire; en conséquence, il prie le Bureau international de Fédérations d'Instituteurs de porter la question à l'ordre du jour du prochain congrès international de l'enseignement primaire, congrès qui doit se tenir à Paris en 1910.

Pour le Comité:

Le Secrétaire,
GITS.

La Vice-Présidente,
Épouse DANCKERS.

Cette pièce est appuyée par un certain nombre d'instituteurs de Belgique et de Bohème.

## AMIKEJO.

Ekzistas inter la Amikejanoj kaj la grupo el Verviers malkompreniĝo kiu verŝajne baldaŭ ĉesos.

Ni pretendas ke la kreo de neŭtra Esperanto-ŝtato estas ebla; niaj estimataj kontraŭuloj pretendas ke tio estas danĝera utopio.

Jen estas niaj tialoj, Germanujo, Svisujo, Francujo havas esperantistajn vilaĝojn. Ni ankaŭ (je 7 kilometroj de Aachen kie kuniĝas bangastoj el multaj landoj) havas la esperantistan vilaĝon de Amikejo. Ĉar tiu esperantista vilaĝo estas neŭtra lando, ĝi estas, nepridiskuteble, esperanta neŭtra lando. Ĉar tiu esperanta neŭtra lando havas sian propran leĝaron, ĝi estas, same, esperanta neŭtra ŝtato, kondiĉe ke ni povu diri pri nia vilaĝo: « esperanta vilaĝo » kiel Germanoj, Svisoj, Francoj pri la siaj, ni povos diri tre logike: « esperanta lando », « esperanta ŝtato ».

Sed ĉu ni povas diri: « esperanta vilaĝo? » Neŭtra Moresneto jam havas tri esperantajn kursojn: 1 kurson por sinjoroj (40 lernantoj), 1 kurson por sinjorinoj (25 lernantoj), 1 kurson por infanoj (60 lernantoj), kaj Neŭtra Moresneto enhavas nur 4000 loĝantojn. Ĉu estas en la mondo alia lando en kiu, po 4000 loĝantoj, 125 lernas Esperanton? Do Esperanto karakterizas pli Neŭtran Moresneton ol iun ajn landon. Inter la diversaj landoj, Neŭtra Moresneto estas la plej karakterizita *de* kaj *per* Esperanto. Tial ni kredas esti pravaj nomante ĝin Esperanta vilaĝo.

Cetere kromaj aĵoj donas la karakteron esperantan al Neŭtra Moresneto: 1e la instruado pri Esperanto fariĝas *ĉiutage en la publika lernejo.* 2o Ĉe la lasta internacia kongreso de komercovojaĝistoj en Parizo, ni fondis internacian asocion de esperantistaj komercovojaĝistoj havantan sian sidejon en Amikejo kaj klopodantan speciale disigi Esperanton inter la internaciaj komercovojaĝistoj.

Mi demandas nun la samideanojn el Verviers ĉu ili ne konsentus helpi nin por igi prospera Amikejon tiel difinitan, Amikejon sen la konsekvencoj kiujn mi eltiras el ĝi, Amikejon sen la ekonomiaj kongresoj. Ni disiĝe opinias pri tiuj kongresoj, kredeble ni kuniĝe opinios pri la favorado de la esperanta vilaĝo Amikejo.

Gustave Roy,
*Saint-Girons (Ariège) France.*



## Belgaj Ligaj Grupoj.

**Antverpena Grupo Esperantista.** Prezidanto: Dro Raym. Van Melckebeke, 22, avenue des Arts, Anvers.
Sidejo: Taverne Royale, 39, place Verte, Anvers.

**Pioniro**, Esperantista Brusela Grupo. Prezidanto: Sro Lucien Blanjean, 159, rue Louis Hap, Bruxelles.
Sekretario: Sro Octave Chalon, 34, rue Van Ostade, Bruxelles

**Esperantista Societo**, en Verviers. Prezidanto: Sro Edouard Mathieu, 45, rue de la Montagne, Verviers.
Sidejo: 9, rue Xhavée, Verviers.

**Grupo Esperantista**, en Huy. Prezidanto: Sro Thiry, commissaire-voyer, Huy.

**Bruĝa Grupo Esperantista.** Prezidanto: Sro A.-J. Witteryck, 4, Nouvelle Promenade, Bruges.

**La Semanto**, Grupo en Laeken. Prezidanto: Sro H. Calais, 23, rue du Chemin de fer, Bruxelles.

**Esperanto.** Cercle d'étude de langues, Spa. Prezidanto: Sro Decq, inĝeniero, direktoro de la Banejo.
Sekretario: Sro Grosjean.

**Karloreĝa Grupo Esperantista**, Charleroi. Prezidanto: Sro L. Delvaux, profesoro, 31, rue de l'Athenée.

**Booma Grupo Esperantista**, en Boom. Prezidanto: Sro Jules Clerbaut.
Sekretario: Sro Camille Bal, 53, Kerkstraat.

**La Verda Stelo.** Prezidanto: Sro Fr. Schoofs.
Sidejo: Café Zomerhof, 32, place de l'Aurore, Anvers.

**Bonveno**, en Ixelles. Prezidanto: Sro M. Cardinal.
Sidejo: Taverne Dubois, pl. Ste Croix, Ixelles.

**Berchema Grupo Esperantista.** Prezidanto: Sro prof. Ant. Havermans.

**La Verda Flago** en Mariaburg. Prezidanto: Sro Fr. Willemsen.
Sidejo: Herberg Krüger, Marialei, Mariaburg.

**Amikejo** en Moresnet Neutre. Sekretario: Sro Charles Schriewer.

## Aliaj Belgaj Grupoj.

**Section Espérantiste**, du Cercle Polyglotte de Bruxelles.
Prezidantino: Frino A. Greiner, rue Ravenstein, Bruxelles.

**Lieĝa Grupo Esperantista.** Prezidanto: Sro E. de Troyer, 28, Rue César Franck, Liége.

**Grupo de la garnizono**, en Namur. Prezidanto: Sro Bisman, Kapitano de la 13a linia regimento.
Sidejo: Hôtel de Hollande, Namur.
Sidejo: Café Limburgia, rue Beernaert, Berchem.

**Espero**, Lieĝa Esperantista Societo. Prezidanto: Sro F. Spies, 5, rue sur la Fontaine.
Sekretario: Sro G. Sloutzky, 34, rue Nysten.

**Woluwa Blindulgrupo Esperantista.** Sidejo: Institut Royal des Sourds-Muets et des Aveugles, 72, Avenue Georges Henri, Bruxelles.

**Namura Stelo**, en Namur. Prezidanto: Sro J. Detry.
Sekretario: Sro Verbeken.
Sidejo: Hôtel de Hollande.

**Esperanta Sekcio** du Cercle linguistique de la maison de Melle.
Prezidanto: Sro Paul Motte à Melle-lez-Gand.
Sekretario: Sro Paul Jansens.

**Seilla Grupo Esperantista** en Seilles. Prezidanto: Sro Jean Magis, komunuma instruisto.

**Stelo Matena** en St Trond. Prezidanto: Sro Fo Brauer.
Sekretario: So Fo Ludoviko, institut St Trudon.

**Grupo Esperantista**, en Duffel. Prezidanto: Dro L. Jacobs, Duffel.

**Liera Grupo Esperantista.** Sekretario: E. O. Vermeiren, Lierre.

**Aliaj Grupoj** en St. Gilles, Malines, Andenne, Louvain, Renaix, Gembloux, Nivelles, k. c.